# Internacia Fervojisto

Dumonata organo de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)
kaj fervojfaka revuo




ISSN 1397-4270

2017.3

La reloj ligas la landojn – Esperanto la popolojn

# Milde bremsi ...
# ... kaj forte akceli

## Karaj gelegantoj,

survoje sur la aŭtoŝoseo, 130 kilometrojn hore, vendredon tagmeze. Fruaj ekskursantoj sonĝas jam pri la proksima semajnfino. Internacia vico de kamionoj blokas la dekstran koridoron.
Maldekstre preterpafas sin feste lumigita ĉevalfortulo sekvata de diversaj limuzinoj kaj de tri-kaj-duon-tuna liveranto por hejtilo-akcesoraĵoj. Lumas liaj bremssignaliloj, estingiĝas, lumas, estingiĝas.
"Aĥ jes – deĵore survoje!"
Ne konsiderante la influon al medio kaj resursoj: Sidi en la propra veturilo, memori riparejajn fakturojn kaj mempagitan benzinon aŭ direkti la ĉaron de la firmao estas tute evidenta diferenco.
Samaj pripensoj (apud aliaj) kondukis supozeble al la kampanjo „energiefika veturado", kiun post bonaj spertoj en la germana longdistanca trafiko nun intensigas ankaŭ la sekcio de la regiona trafiko.
Pri metodoj kaj sukcesoj ni raportas sur paĝo 59.
La FISAIC-federacion en tiu ĉi eldono koncernas du kontribuoj. La dua estas raporteto pri la radioamatoroj de FIRAC sur paĝo 56, post la briĝistoj la dua prezento de aliaj FISAIC-sekcioj. La unua, sur paĝo 54, meritas apartan atenton. Ĝi estas represo de Memorando pri Interkonsento (*Memorandum of Unterstanding, MoU*), kiun FISAIC kaj UIC formulis kaj validigis fine de la pasinta jaro kaj kiu servu kiel gvidlinio por la kunlaboro de la du internacie agantaj organizaĵoj. Unuavide ĝi ŝajnas nur kolekto de belsonaj vortoj. Sed mi opinias, ke ĝi malfermas la pordon al ebeno de profesia internacia agado de fervojaj entreprenoj kaj fervoja industrio. La memorando ofertas eblojn kaj instigas uzi ĝin kreive.
Memkompreneble la 69-a IFK postulas la dominan lokon: Salutmesaĝo de Rodica, lastmomentaj informoj, ŝanĝproponoj por la Ĝenerala Regularo kaj la sekretaria raporto de Vito.

Amikajn salutojn



**Guido Brandenburg**

# Enhavo:



**Internacia Fervojisto**
Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)
Apero: Januaro, Marto, Majo, Julio, Septembro, Novembro
Redaktofino: La 10-a de la antaŭa monato

**Estraro de IFEF**
**Prezidantino:** Rodica Todor (Rumanio) rodica_todor@yahoo.com
**Sekretario:** Vito Tornillo (Italio) vitorni@virgilio.it
**Kasisto:** Laurent Vignaud (Francio) laurent.vignaud@free.fr
**Redaktoro:** Guido Brandenburg (Germanio) guido.brandenburg@t-online.de
**Gvidanto de la Faka Komisiono:** Jan Niemann (Danio) niemann@kabelmail.dk

**Membroj de la Redaktora Komisiono**
Lene Niemann (Danio), Jean Ripoche (Francio), István Gulyás (Hungario)

**Membroj de la Faka Komisiono**
D-ro Heinz Hoffmann (Germanio), Ladislav Kovář (Ĉeĥa Respubliko)

**Bank-Konto:**
**Nomo:** „Laurent Vignaud"
**IBAN:** FR33 20041 0 1011 0929 374Y 03237
**BIC:** PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Retejo**: www.ifef.net
**Facebook:** https://www.facebook.com/pages/IFEF-Internacia-Fervojista-Esperanto-Federacio/726039834155372

# La 69-a IFK de IFEF

## Bonvenon en *Colmar*!



La ĉijara fervojista kongreso estas nekutima - unue ĉar la invito venis ne de fervojistoj, sed de la afablaj kaj gastemaj membroj de la Asocio "*Espéranto-France Est*", federacio kiu kovras alzacan kaj lorenan regionojn kaj kiu kunordigas la agadojn de 7 lokaj asocioj kaj grupoj de esperantistoj de la departementoj *Meuse, Moselle, Meurthe-et-Moselle, Bas-Rhin, Haut-Rhin* kaj *Vosges*.
Plie, kiel ni konstatis dum la organizaj laboroj, neniu el la LKK-anoj loĝas en *Colmar* mem, sed tio ne malpermesis kunveni plurfoje en tiu belega urbo kiun ili proponis kun granda entuziasmo por kongresi.
Ne kutima por ni IFEF-anoj estis ankaŭ la fakto ke esperantistoj kiuj antaŭe ne konis unu la alian kaj kiuj apartenas al diversfakaj asocioj kunlaboris perfekte. La rezulto de tiu dumjara kunlaborado konkretiĝis en enhavriĉa, diversflanka kaj ege alloga programo kiun ni ĝuos dum la tuta semajno.
Membroj de *Espéranto-France Est* kaj IFEF prezentos per la ĉefaj fakprelegoj la specifaĵojn de la fervojo en tiu regiono. TAKE pretigis por ni specialan numeron de sia bulteno pri konstruaĵoj en fervojo, kaj por la unua fojo la informoj pri la plej granda fervoja muzeo en Eŭropo, "*La Cité du Train*" en *Mulhouse*, estis tradukitaj esperantlingven.
El fora Ĉinio delegacio de fakuloj konatigos al ni fervojajn novaĵojn, kaj ni spertiĝos ankaŭ pri kiel vojaĝi per trajno en Hindio.
La kunlaboranta organizo FISAIC sin prezentos pere de la nova sekretario, kiu estas samtempe estrarano de IFEF.
Al la kultura programo kontribuos krom alzaca folklora ensemblo „Vogesia" fama kantistino el Italio. Prezidantino de ILEI ne nur prelegos, sed instruos al ni la sekretojn de teatrumado sub la simbolo de la „Jaro de la lernanto".

La proponitan E-kurson por komencantoj gvidos sperta instruisto, membro de OSIEK, kaj dum la turisma programo la lokaj esperantistoj malkovros por ni la mirindan regionon Alzaco, kies beleco, diverseco, riĉa historio kaj kulturo certe ravos nin.
„Ĉiuj por unu kaj unu por ĉiuj” estas fama franca slogano kiu ĉifoje validas ankaŭ por ni esperantistoj, kaj tio donas al mi multe da optimismo.
Mi ne nombris kiom da unuopuloj kaj asocioj alportis sian kontribuon por okazigi sukcesan kongreson, sed certe estas multaj...

Tia solidareco, tia kunlaborado estas esperiga por la estonteco de IFEF kaj bonege kongruas kun nia devizo: „La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn”!

Elkore mi dankas al ĉiuj, kiuj laboradis por ke ni renkontiĝu kaj kongresu en tiu belega regiono de Francio, en aminda urbo *Colmar*.
Plenplenan sukceson al la 69a IFEF-kongreso!

**Rodica TODOR - Prezidantino de IFEF**

## Aktuala nombro de partoprenantoj

Laŭ la lastdata disponebla listo partoprenos la kongreson 139 personoj el 21 landoj.

## Afrika vespero ne okazos

La subita morto de Ferdinando Kinkani renversis la planojn de Eŭropa Afrika Solidareco kadre de la kongresa programo okazigi afrikan vesperon kun multe da muziko kaj la celo prezenti la organizaĵon kaj ties intencojn.
Ni sentas kun la parencoj kaj familianoj de Ferdinando kaj esperas, ke pluvivos la projekto, en kiu li investis ideojn, entuziasmon kaj laboron.

**Guido Brandenburg**

## Komitatkunsido Colmar
## Proponataj ŝanĝoj en la Ĝenerala Regularo de IFEF

**§ 10, Aliĝkondiĉoj**
**§ 10,**
La minimuma membronombro por aliĝo kiel landa asocio sen komitatano, estas 5 (kvin); por havi komitatano(j)n vidu sube § 12 1) a).
Aldono:
Membriĝo estas ebla por minimume du sinsekvaj jaroj.

*Komento: Membriĝon sekvas anonco tra la landa asocio kiel asocia membro, anonco senpera kiel individua membro, kotizpago, organizo de revu-abono kaj informo de la IFK-LKK. Tiuj paŝoj postulas minimuman kontinuecon de du jaroj.*

**§ 10 Al 3)**
a) La jarkotizo(j) por la kuranta administra jaro (§ 5) pagendas al la IFEF-kasisto de la landaj asocioj kaj de individuaj membroj ĝis la fino de la jaro mem. Rekomendindas pago ĝis la plenkunsido en la kongreso de la kuranta administra jaro.
Interŝanĝo kontraŭ
a) La jarkotizo(j) por la kuranta administra jaro (§ 6) pagendas de la landaj asocioj kaj de individuaj membroj al la IFEF-kasisto ĝis la 31-a de Januaro. La novaj membroj pagas la kotizon de la kuranta administra jaro kiam ili aliĝas. Kun la jarkotizo la landa asocio indikas al la IFEF-kasisto la nomojn de la membroj por kiuj ĝi estas pagata.

*Komento: (La proponatan ŝanĝon de la pagodato la sekretario klarigos kadre de la komitatkunsido)*
*Komento: Landaj asocioj pagas IFEF-kotizon nur por parto de siaj membroj. Ĉar (nur) tiuj membroj individue profitas, IFEF devas esti informita pri kiuj ili estas.*

**§ 13, Konsisto kaj elektoj de la komitato**
**§ 13 Al 1) kaj 2)**
a) Komitatanoj, ties anstataŭantoj kaj kromkomitatanoj devas esti aktivaj, emeritaj aŭ estintaj fervojistoj aŭ personoj el asimilitaj entreprenoj.

Ili devas esti IFEF-membroj kaj devas skribe deklari pretecon konservi la oficon dum la trijara laborperiodo.

Interŝanĝo kontraŭ

a) Komitatanoj, ties anstataŭantoj kaj kromkomitatanoj devas esti IFEF-membroj kaj devas skribe deklari pretecon konservi la oficon dum la trijara laborperiodo.

*Komento: Kreskanta parto de la IFEF-membroj ne estas aktivaj aŭ iamaj ĉefervojaj laborantoj, sed havas alispecan rilaton al la fervojo: famili-anoj, simpatiantoj, subtenantoj. Ili ne estu principe ekskludataj de funkciulaj taskoj.*

**§ 13 Al 3)**

La elekto de kromkomitatanoj okazas en jaro post estrarelekto.

Interŝanĝo kontraŭ

La elekto de kromkomitatanoj okazas en jaro antaŭ estrarelekto.

*Komento: La gvidanto de la faka komisiono estas samtempe estrarano de IFEF kaj elektata en la jaro antaŭ la cetera estraro. Kiel gvidanto li devas esti komitatano kaj membro de la faka komisiono. Se fakscia kandidato nur kiel kromkomitatano povas eniri ĝin, tiam la komitato devas esti alelektinta lin antaŭe. La elekto tial ne povas okazi en la jaro post la estrarelekto.*

**§ 17: Elektoj**

e) La kandidato(j) devas esti aktiva(j) aŭ emerita(j) fervojisto(j) kaj havu spertojn en la federacia laboro. Ili havigu al la ĉefkomitatano, plej malfrue ĝis 31.12 antaŭ elektojaro, deklaron pri sia preteco partopreni en la kunsidoj de estraro kaj komitato dum la koncerna oficperiodo.

Interŝanĝo kontraŭ

e) La kandidato(j) havigu al la ĉefkomitatano, plej malfrue ĝis 31.12 antaŭ elektojaro, deklaron pri sia preteco partopreni en la kunsidoj de estraro kaj komitato dum la koncerna oficperiodo.

*Komento: vd. supre § 13 Al 3)*

# Raporto de la sekretario pri la jaro 2016

## Antaŭrimarkigo

La ordo de la raporto estas kiel tiu de la lastaj jaroj por faciligi komparojn. Pli detalajn informojn pri diversspecaj agadoj oni trovas en la lasta "Resuma jarraporto de la landaj asocioj".

## 1. Membrostato

La aktuala membrostato de IFEF estas: 324 laŭ la pagitaj kotizoj (el kiuj 9 IM), 1069 laŭ la sumo de la membroj de la unuopaj LAj. La landaj asocioj estas 17.

## 2. Interna laboro

### 2.1. Estrarkunvenoj

La estraro kunvenis dufoje en Colmar (FR) 27-29.02.2016 kaj 24-26.10.2016. La temoj de la kunvenoj jam estis traktitaj detale en la protokoloj. Ĉefe estis traktitaj la organizado de la kongreso, kun personaj vizitoj ĉe la urbodomo, pri la mendo de la salonoj kaj la rilatoj kun la instancoj. Ankaŭ kun la hotelestrino estis rektaj rilatoj pri la kontrakto de la prezoj de la ĉambroj kaj antaŭmendoj de ili. La temo de la kongreso forprenis multe da tempo, sed estis traktitaj ankaŭ aliaj temoj rilate al la IFEF-organizado.

### 2.2. Ĉefkomitatano

Li plenumis akurate siajn multflankajn taskojn; i.a. li forsendis cirkuleron kun la demandilo pri la landaj jarraportoj por la jara resumo. Kune kun la Ks/Rd li daŭre ĝisdatigis la adresaron de la IFEF-funkciuloj. Kun la Sk kaj la Ks prizorgis la kolektadon de la demandiloj kaj instigis la malfruiĝintojn respondi. Li bone atentigis la komitatanojn sendi en ĝusta tempo la petojn pri statutŝanĝoj kaj la eventualajn kongresproponojn. Li krome petis landajn asociojn anonci datojn de siaj jarkunvenoj aŭ konferencoj okazontaj en la jaro por plani kalendaron de IFEF-aranĝoj, ke ne okazu samtempe du aranĝoj, precipe en najbaraj aŭ proksimaj landoj.

## 2.3. Vizitoj

La e-kunsidoj en 2016 okazis ambaŭ en *Colmar* (FR), ne estis aliaj aranĝoj fare de la francaj esperantistoj kaj kolegoj, la kunsidoj okazis nur por bone plani la kongreson. Fakte dum tiuj du rendevuoj la lokaj esperantistoj kaj parto de la estraro kontaktis kaj interkonsentis kun la respondeculoj de la urbodomo pri diversaj aferoj, inter kiuj la luado de la salonoj de la kongresejo. Danke al tiu vizito la urba administracio donis al la kongreso patronecon kiu enhavas ankaŭ monhelpon pri la luado de la kongresejo.
Estis ankaŭ interkonsento kun la hotelestrino de la hotelo kie okazis la e-kunvenoj kaj loĝado, pri antaŭmendo je favora prezo de la ĉambroj de tiu hotelo; ŝi disponigis ilin al ni ekskluzive, post antaŭpago de kaŭcio. Dum libera tempo oni vizitis la urbon por havi ideojn pri eventualaj ekskursoj dum kongreso. Tiucele dum la dua kunsido kelkaj ĉeestantoj vizitis la fervojo-muzeon (*La Cité du Train*) en *Mulhouse*; oni povis konstati ke ĝi estas vere taŭga ekskurscelo dum fervojista kongreso, ĉu por la fervojistoj, ĉu por la nefervojistoj; ĝi estas la plej granda en Eŭropo.

## 2.4. Situacio kaj estonto de IFEF en kelkaj landoj.

La situacio en la landaj asocioj de IFEF estas preskaŭ la sama de la pasinta jaro, sed danke al la kunlaborado de diversaj esperantaj asocioj ni sukcesis plani IFEF-kongresojn ĝis la jaro 2019. La rilatoj kun aliaj fakaj asocioj daŭre pliboniĝis kaj kreskis, kaj venis peto pri kunlaborado kun e-revuoj “Heroldo de Esperanto” kaj “El Popola Ĉinio”, kiuj volonte aperigos artikolojn pri IFEF. Ankaŭ la laborgrupoj ene de IFEF pli-malpli agadas. Malgraŭ la malkresko de la membronombro, kompare al la UEA aliĝintaj internaciaj asocioj IFEF estas ĉiam unu el la plej grandaj kaj agemaj.

## 3. Laborplano

## 3.1. Informa Servo

La korespondado okazas pere de interreto, ni pli bone povus nomi ĝin informado, ĉar ĉiuj membroj povus korespondi samtempe kun ĉiuj aliaj membroj per IFEF-diskutad-grupo, pere de Fejsbuko ricevi kaj doni infor-

mojn, pere de la paĝo ifef.net la membroj kaj la eksteruloj povas ricevi ĉiujn informojn pri ĉio, kio estas enretigita, ĉefe pri fakaj novaĵoj. Okaze de la UK en Nitra estis preparita speciala faldfolio pri IFEF kiu estis disdonita dum la Movada Foiro, kaj dum la semajno, al ĉiuj interesitoj.

### 3.2. Junularo

Dum la IFEF-kongreso en Varna IFEF gastigis la tutan semajnon junan ĉinan fervojistan esperantiston; li kontribuis per faka prelego pri la vartrafiko en Ĉinio. Por la estraro tio estis bona iniciato por instigi junulojn partopreni kaj kunlabori dum kongreso. Dum la Internacia Junulara Kongreso en Vroclavo ni reklamis pri ekskursoj kies vizitoj rilatis al fervojo, kelkaj el niaj membroj partoprenis la kongreson.

### 3.3. Faka Komisiono

### 3.3.1 Terminara Sekcio

La tradukado de la nocia serio de anglaj, francaj kaj germanaj terminoj en Esperanton tre bone progresas. La terminaro de *UIC* estas nur parte **difinvortaro**, tamen la nombro de aldonitaj difinoj daŭre kreskas. Dum la pasintaj 12 monatoj kontinue daŭris la laboro por plu-evoluigi Esperanto-enhavon en la terminaro de la Internacia Fervojunio *UIC*. Nian daŭran kunlaboron *UIC* rekonas per rajt-eniro de 10 senpagaj enirkodoj al la reta versio de la terminaro. Por niaj kunlaborantoj aperis 3 numeroj de Terminara Kuriero. Estis ankaŭ reviziataj multaj fakaj tekstoj por artikoloj kaj prelegoj. Dum la UK en Nitro estis prezentitaj fakaj prelegoj fare de ĉeĥaj kolegoj, inter kiuj Ladislav Kovář.

### 3.3.2 Fake Aplika Sekcio

En 2016 aperis la "FervojFaka Kajero" n-ro 24. FervojFakaj Kajeroj kaj aliaj fakaj publikaĵoj estis enretigitaj en la paĝo “ifef.net”. En Septembro okazis en Berlino la ĉijara “Innotrans”, ĝin partoprenis membroj de la Faka Komisiono, kaj ĝi estas temo de venonta FervojFaka Kajero.

### 3.4 Komisionoj kaj laborgrupoj.

El la komisionoj kaj laborgrupoj venis raportoj pri la agado. Pri la eksteraj rilatoj la Pr-ino raportis pri siaj interrilatoj kun aliaj organizoj, dum la UK

kaj diversaj aranĝoj kie ŝi estis invitita. Kelkajn kontaktojn ŝi havis kun personoj aŭ asocioj kiuj povus kune kun IFEF organizi niajn venontajn IFEF-kongresojn. El la arkivada laborgrupo, la respondeculo, Jan Niemann, partoprenis seminarion pri arkivado en Herzberg am Harz ĉe ICH. Post tio li eldonis manlibron pri arkivado, kiu estu gvidlinio por katalogi librojn kaj ion ajn. El la informada grupo, daŭre ili ĝisdatigas novaĵojn en la paĝoj de ifef.net kaj "Facebook" kaj donas informojn pere de nunaj telekomunikad-rimedoj.

**3.5. Fervojista kontaktkunveno dum la 101-a U.K. Nitra – Slovakio (23–30/07/2016).**

Pluraj IFEF-membroj partoprenis la UK-n en Nitro. Dum la UK okazis la antaŭviditaj IFEF-aranĝoj: sabaton, la Movada Foiro de asocioj; lundon, la fervojista kontaktkunveno kun fakaj prelegoj fare de TK, kiun prezidis nia Pr-ino.

**4. Aranĝoj**

**4.1. IFEF aranĝoj de LA.**

Laŭ la indikoj de la jarraportoj de L.A. multaj el ili aranĝis kunvenojn kun ĝenerala asembleo, kelkaj nur la ĝeneralan asembleon. La programo antaŭvidis ankaŭ prelegojn kaj ekskursojn. Kelkaj eksterlandaj IFEF-membroj vizitis tiujn aranĝojn.

**4.2. IFEF-Kongreso**

La 68-a IFK okazis en Varna (BG) 21-28.05.2016. La kongreson partoprenis pli ol naŭdek esperantistoj el dek du landoj. Ĉeestis gastoj el Aŭstrio, Belgio, Bulgario, Ĉeĥio, Ĉinio, Francio, Germanio, Hispanio, Hungario, Italio, Pollando kaj Rumanio. Detalaj raportoj kaj skizitaj impresoj alvenis de diversaj partoprenantoj. La temoj de la kongreso estis bone pritraktataj. Temis pri: "La fervojo de la estonteco" kaj "La lingvoj kiel rimedo de komunikado". La kongresaj vesperoj estis dediĉitaj al kulturaj programeroj, ĉefe al la bulgara folklora tradicio, kun kantoj kaj dancadoj, al kiuj alkutimiĝis ankaŭ la eksterlandaj partoprenantoj per instigoj kaj instruado fare de la bulgaraj amikoj. La ekskursoj malkovrigis al ni ne konatajn lokojn, kiuj tre plaĉis al ĉiuj, en ĉiuj lokoj la rozoj estis la vera sinjo-

rino de la pejzaĝoj. Dum kongreso duontago estis dediĉita al fervojaj temoj, pluraj prelegantoj prezentis novaĵojn el sia lando, helpe de lumbildoj kaj surekranaj tekstoj. Grava okazintaĵo estis la elekto de la estraro de IFEF, tri estraranoj estis reelektitaj, eniris estraron nova redaktoro de la IFEF-revuo kaj ankaŭ la gvidanto de la faka komisiono.

## 5. Eksteraj rilatoj

### 5.1. UEA

La kontaktoj kaj kunlaboroj inter UEA kaj IFEF daŭre estas bonaj. Dum la UK en Nitro nia k-ano A regule partoprenis la kunvenojn kie oni diskutis pri la statutŝanĝoj, kaj dum la oktobra IFEF-estrarkunsido, post interkonsento kun la komitatanoj, oni voĉdonis pri la aprobo de tiuj ŝanĝoj en statuto.

### 5.2. FISAIC

La kongreso en Varna okazis sub la patroneco de FISAIC, la informo aperis en la FISAIC-kalendaro. Dum la lasta ĝenerala asembleo de FISAIC la sekretariino de FISAIC demisiis, la tasko estis transdonata al Danio. Nia kolego Jan Niemann transprenis ĝin, sen la oficiala apogo de la dana libertempa asocio. Pro tio IFEF decidis apogi kiel faka aliĝinta asocio la postenon de Jan Niemann kiel Ĝenerala Sekretario de FISAIC. Ĝi estas grava agnosko por IFEF ĉar dum la lastaj jaroj IFEF kaj Esperanto estis flankigitaj fare de estraranoj de FISAIC mem. Ni plifortigos la kunlaboradon kun la nova sekretario por krei favorajn kondiĉojn al la agado de ambaŭ federacioj.

## Fina komentario

La ĝenerala situacio de IFEF estas preskaŭ stabila. La membronombro estas iomete pli malalta, sed la membronombro de kelkaj landaj asocioj iomete kreskis. Se ni komparas IFEF-n kun aliaj fakaj asocioj de UEA, ĝi estas unu el la plej grandaj. La rilatoj kun aliaj esperantistaj asocioj estas bonaj. Por nia estonteco estus bone okazigi renkontiĝojn kunlabore kun aliaj asocioj, por plifortigi nian movadon.

**Bolonjo, 01-a de marto 2017** **Vito Tornillo**
**la IFEF-Sekretario**

# Terminologia angulo - „Gefratoj” de fervojo

Pri konstruo kaj funkcio de fervojoj validas leĝaj dekretoj, kiuj postulas sekurigajn sistemojn pro atingebla granda kineta energio. Iom similajn transportsistemojn – kvankam funkciantajn ankaŭ laŭ relo/rado-principo, sed nur per laŭvida veturado sen garantiata libera vojo – ni ne nomu fervojo. Por ili eblas la termino „tramvojo”.

La ĉefa speco estas urba tramvojo en surŝosea trafiko. Alia speco estas dentotramvojo, precipe por transporti pasaĝerojn al montara loko sur krutega tereno. Ankaŭ por kargotransporto ekzistas tramvojoj, ekzemple kampotramvojo kaj minejotramvojo. Ĉe ili la trakoj pleje estas nur provizore sternitaj, por ebligi lokajn ŝanĝojn.

Rimarko: En la malnova PIV el 1970 troviĝas la vorto „trameto” por malgranda veturilo, ofte kun trogo, uzata en minejoj ks.

Aliaj „gefratoj” de fervojo troviĝas en parkoj, sur ekspoziciaj areoj ks. Ili servas por plezuro de vizitantoj transportataj ofte en malvaste limigita spaco, kaj pleje aspektas kiel vera fervojo – sed nur en tielnomata „Liliput”-grando. Tiukaze ni simple nomu ĝin fervojeto anstataŭ tramvojo. Aparta tasko de tiaj fervojetoj en pluraj iam socialismaj landoj estas demonstrado al geknaboj kaj ekzercado de ili pri funkcio de fervojo. Legantoj en tiuj landoj certe rememoras „Pionirajn fervojojn” kiel gravan edukadrimedon.



Fervoja miniaturo en pejzaĝa maketo
(Foto: Heinz Hoffmann)

Laste mi ne volas prisilenti la plej malgrandajn „gefratojn”, kiuj tute ne transportas. Ilia plej taŭga termino estas „fervoja miniaturo” (laŭ PIV malgranda arta objekto delikate prilaborita). La vorto „modelo” (objekto, farita por esti imitata) ne tiel bone trafas la nocion.

**Heinz Hoffmann**



# FISAIC kaj UIC Memorando pri Interkonsento (MoU)




*La du internacie agantaj fervojaj kaj fervojistaj organizaĵoj UIC kaj FISAIC sondis la komunajn interesojn kaj en Decembro 2016 decidis la ĉi-sekvan memorandon. Ĝi povas esti fundamento por intensa kunlaboro por reciproka profito. Ekkoni la ŝancojn kaj plenigi la kadron per propraj ideoj estas afero de la respektivaj membroj, la fervojoj sur unu kaj la FISAIC-asocioj kaj -sekcioj kiel IFEF sur la alia flanko.*
*La represo de la tradukita teksto instigu la diskuton en nia federacio.*

FISAIC estas internacia tegmenta organizaĵo de siaj naciaj fervojaj asocioj. Ĝi ne estas ligita al iu ajn alia organizaĵo. Ĝi povas aliĝi al aliaj asocioj, se tio estas taksata profite por FISAIC kaj se tio konformas al ĝia misio.
Sur internacia ebeno FISAIC interligas kaj kunordigas plurajn grandajn grupojn (fervojmaketon kaj fervojkulturan heredaĵon, filmadon kaj videografion, fotadon, figuran arton, muzikon, folkloron, ĥorojn, filatelon, briĝon kaj Esperanton), kies membroj prezentas sian arton, lertecon kaj kapablon. FISAIC organizas ĉiujare plurajn internaciajn aranĝojn, konkursojn kaj turnirojn, kiuj okazas laŭ la reguloj de la respektivaj fakaj komisionoj, kies tasko estas krei regulojn laŭ tutmondaj normoj.
Aliflanke UIC, la tutmonda fervoja asocio, aktuale grupigas 240 membro-fervojojn el ĉiuj partoj de la mondo. Dum la origina misio de UIC estis la harmoniigo de la kondiĉoj por kreo kaj funkciigo de fervojoj sur internacia nivelo, tiuj misioj paŝon post paŝo estis vastigataj kaj aktuale fokusiĝas al la antaŭenigo de la relo kiel plej daŭripova transportmaniero en la tuta mondo.
La agado de UIC celas fortigi la internacian kunlaboron inter siaj membroj – observante la kreskigon de konkurkapablo kaj interoperaciebleco – kaj kontribuante al konstruo de kohera fervoja sistemo per harmoniigitaj normoj sur tutmonda nivelo.

UIC subtenas ĉiujn streĉojn de siaj membroj por kreskigi efikecon, daŭripovon kaj rentabilitaton de la reltrafiko, por profito de la klientoj kaj la socio entute.
Por atingi siajn celojn UIC flegas kaj evoluigas kunlaborajn interrilatojn kaj kontraktas kun multnombraj institucioj kaj internaciaj organizaĵoj, inter ili la Unuiĝintaj Nacioj kaj ties fakaj organoj, la Mondbanko, OECD, NATO, regionaj organizaĵoj kaj trafikasocioj kiel ekz. APTA, USHSR, IHHA ...
La UIC-moralkonceptoj kiuj gvidas ĝiajn agojn estas "unueco, universaleco, solidareco".
La celo de la aktuala memorando pri interkonsento (plue nomata "MoU" *[Memorandum of Unterstanding]*) estas evoluigi proksimajn interligojn por uzi la forton de ĉiu organizaĵo je reciproka profito kaj je la valoroj de la fervojoj.
FISAIC kaj UIC interkonsentas difini areojn de ebla kunlaboro en sekvantaj kampoj:

- Interŝanĝo de bonaj reciprokaj procedoj: FISAIC kaj UIC povas esti fervojaj partneroj komune evoluigantaj internacian vizion de solidareco kaj kolegeco per ekzemple reciprokaj interŝanĝoj dum aranĝoj kiuj plivaloriĝas per interkonsento de la du organizaĵoj koincidigi datojn kaj lokojn de kulturaj eventoj, ekspozicioj kaj konkursoj organizataj de la alia flanko sur internacia ebeno.
- Ebla organizo de larĝskalaj kulturaj eventoj, defendante noblajn celojn cele fortigi sanan spiriton de fervojistoj kaj antaŭenigi la fervojon entute.
- UIC disponigos sian reton de kontaktoj sed ne transprenos organizadon kaj financadon de eventoj aŭ agadoj kiuj estus decidataj komune de FISAIC kaj UIC. Tiuj dimensioj estas tasko de FISAIC en ties rilato al siaj propraj membroj.
- Propagando de FISAIC-aranĝoj per komunikaj kanaloj de UIC.
- La kontraktpartioj reciproke provizos sin per informa materialo kaj publikaĵoj de ambaŭ organizaĵoj, kiuj rilatas al la areo de kunlaboro, konforme al la koncernaj kopirajtoj kaj la rajtoj pri mensa propraĵo.

Tiu ĉi memorando pri interkonsento estas decidata sen tempa limigo. Ĝi povas esti denoncata de unu el la partioj kun sesmonata prokrasto per

skriba informo al la alia partio. Ĝi estas verkita en angla lingvo kaj validiĝas per subskribo de ambaŭ partioj.
La kunlaboro en kadro de tiu ĉi memorando pri interkonsento respegulas la deziron de ambaŭ flankoj pri komunaj agadoj en la priskribitaj kampoj, tamen samtempe ne enhavas jurajn aŭ financajn devojn kaj respondecojn kiuj deriviĝas el realigo aŭ mankanta realigo de ĉiuj aŭ de parto de la agoj pro iu ajn kaŭzo antaŭvidataj en tiu ĉi memorando pri interkonsento.
Tiu ĉi MoU estos valida post la Ĝenerala Asembleo de UIC en Sankt-Peterburgo, Rusa Federacio, la 1-an de Decembro 2016, kiam aprobita de la UIC-membroj.

Subskribita en Sankt-Peterburgo, Rusio, en 2 kopioj la 1-an de Decembro 2016

| Por FISAIC: | Por UIC: |
|---|---|
| *S-ro Kurt Neuwirth* | *S-ro Jean-Pierre Loubinoux* |
| (Adjunkta Prezidanto) | (Ĝenerala Direktoro) |

## Drato en la naĝbaseno - La radioamatora sekcio de FISAIC




Renkontiĝi en la subĉiela naĝejo, loki la antenon apud la baseno, ĵeti la draton por la elektra kontraŭpezo en la akvon kaj esperi pri multaj „QSO“ kun „RST“ laŭeble „559“, sidi ĉe la krad-rostilo kaj babili pri antenoformoj kaj ondolongoj, mastoj kaj transistoroj - tiaj scenoj dominas la rakontojn pri la „kampotagoj“ de la radioamatoroj.
Kiel siaj nefervojistaj geamikoj la membroj de FIRAC, la radioamatora sekcio de FISAIC, sendas kaj ricevas mesaĝojn sen la helpo de telefonaj kaj telegrafaj kompanioj.
Jam la antaŭuloj, kiuj en la dudekaj jaroj de la pasinta jarcento eksperimentis pri la siatempe ankoraŭ nova radiofonio, ĉerpis la energion el teknika entuziasmo. Tolerataj nur en teknologiaj niĉoj kaj ĉiam ĵaluze observataj de administracioj kaj frekvencogardistoj, la radioamatoroj ta-

men estis pioniroj de telekomunikado kaj provizis la komercajn aplikantojn per ĉiam novaj ideoj.
Aŭskulti rajtas ĉiu ajn, kiu havas la buĝeton por aĉeti aparaton konvenan por ricevi la signalojn. Por la funkciigo de sendiloj tamen necesas speciala licenco, siaflanke nur akirebla per fakaj ekzamenoj. Oferti kursojn kaj trejni la necesan fakscion tial estas unu el la plej noblaj taskoj de tiu vigla sekcio. Aldoniĝas krom la "kampotagoj", regulaj konkursoj pri kolekto de "QSO"-oj, regionaj, naciaj kaj internaciaj kunvenoj, kie oni renkontiĝas vid-al-vide.
Ordinare la stereotipa radioamatoro sidas en sia subtegmenta, per "QSL"-poŝtkartoj ornamita budo, la mikrofonon en la mano kaj babilas kun konataj nekonatoj.
Babili tamen ne nur signifas paroli kaj aŭskulti. Skriba konversacio okazas ankaŭ per morsado aŭ – pli aktuale - per interŝanĝo de ciferecaj informoj, kiel en la reto.



Radioamatoro kun baza ekipaĵo aganta subĉiele
(Foto: Maksim, WikiMedia))

Kvankam en la jaro 1924 la usona radioamatora ligo proponis adopti Esperanton (la diskuto ŝajne ripete ekflamas ĝis hodiaŭ) la internacia lingvo de la radioamatoroj estas la angla – principe. La esenco de la majoritate teknikaj konversacioj okazas en densigita kodo (la senfine saĝa interreto nomas ĝin „QST-angla"): *"MNI TKS 4 FB QSO DR OM – VY GLD UFB RPRT – HPE TO CUAGN – VY 73."* [1] Por tiu necesas aparta vortaro.
Ne nur temas pri banalaĵoj, pri kiuj oni interkomunikas. Politiko, sindikato kaj religio statute estas ne dezirataj. Tamen krom la farto de la „XYL" restas ankoraŭ sufiĉe da temoj. Ĉiu memoras pri la unuaj kontaktoj,

---

[1]) *„Multajn dankojn pro la tre bona radiokonekto, kara oldulo - mi tre ĝojas pri la perfekta raporto – mi esperas revidi vin – tre multajn salutojn."*

kiujn radioamatoroj peris en regionojn ĵus travivintajn katastrofojn, pri la raportoj kaj pri helpopetoj. Kelkfoje post kolapso de la ordinaraj komunikaj kanaloj radioamatoroj estas la lastaj kapablaj interŝanĝi informojn kun la ĉirkaŭa mondo.

Fontoj: Retpaĝaro FIRAC, FIRAC-Handbook, EFA-DL News, WikiPedia, Die Zeit

*En la raporto aplikitaj esprimoj „QST"-anglaj: QSO=mi kapablas interkomuniki, QSL=mi konfirmas ricevon, RST=kvalita skalo (komprenebleco, signalforto, sono), 559=senproblema, XYL=edzino (eksa juna sinjorino)*

**Guido Brandenburg**

## Stratgigantoj kontraŭ vartrajnoj – aldona konkurenco establiĝas



Eksterordinare longa kamiono kun submunta ĉaro (Foto: VCX WikiMedia)

Eksterordinare longaj „Eurokombi"-kamionoj - 25,25 metrojn longaj trajnoj surstrataj – ĝis nun estis esceptaj fenomenoj en Germanio. Cent sesdek aktuale estas survoje kaj la itineroj permesitaj laŭ la „pozitivreto“ nur sumas 11.000 kilometrojn. Nun tamen ekde la 1-a de Januaro 2017 la portempa permeso fariĝis definitiva. La decido okazis sole en la federacia ministerio pri trafiko kaj informteknologia infrastrukturo – ne konsiderante multajn sekurecaspektojn kaj neglektante la proteston el la ministerio pri medio, naturprotekto, konstruado kaj reaktora sekureco same kiel de multaj mediprotektaj asocioj. La argumentoj por la permeso emfazas, ke por transporti la saman kargokvanton du Eurokombi-kamionoj substi-

tuas tri ordinarajn kaj tiel ŝparas 25 procentojn da karbdioksido. Inverse la “gigantokamionoj” disponigas pli da spaco ne postulante aldonan personaron kaj signifas plian avantaĝon por la strata kompare al la rela trafiko. Anticipante la evoluon la “pozitivreto” kreskos kaj krom la aŭtoŝoseoj enhavos ordinarajn stratojn kun stratkruciĝoj kaj kun traknivelaj pasejoj. Necesos adapti la konstruajn regularojn al la bezonoj de la novaj veturiloj. La spaco disponigenda por la trenkurboj, la distanco de konsiderendaj stratrenkontoj, la trapasodaŭro en la danĝerzono estas faktoroj pelantaj la kostojn. Sekve la fervojon ne nur tuŝas la nova aldona konkurenco. La kostojn por necesa adapto de traknivelaj pasejoj laŭ la germana leĝo pri fervojokruciĝoj je triono portas la fervojo.



Spacobezono de flanke enveturanta „Eurokombi”-kamiono



Konflikto sur stratnivela pasejo
(Foto DVVMedia)

Fontoj: Der Spiegel, Westfälischer Anzeiger, Bundesanstalt für Straßenwesen

**Guido Brandenburg**

## Milde bremsi ...

... kaj forte akceli el malalta rapido estas la centraj sugestoj, kiujn DB Regio NRW, regiona trafikentrepreno de la Germana Fervojo donas al siaj 1.800 trajnkondukistoj. Akcelo en alta rapidospaco signifas malgrandan tempogajnon kontraŭ granda energikonsumo.
Kondukisto estas sperta pri la linioj sur kiuj li deĵoras. Li konas la rapido-

profilon, la deklivojn kaj la poziciojn de signaliloj kaj haltejoj. Li scias kiel konduki sian trajnon konforme al sia horaro. Nun necesas apliki tiun spertecon por veturi elegante.



Energikonscie uzi la veturkomutilon estas la celo de la kampanjo (Foto DBAG)

DB Regio NRW evoluigis skemojn adaptitajn por ĉiu el siaj 3.760 trajnoj trafikantaj ĉiutage sur la priservata reto. Ili enhavas precizajn informojn pri fikspunktoj kie utilas aldoni aŭ redukti energion kaj atingi la celon ŝpare sed sen malfruo. Bona afero: Kun sia ĉiumonata persona energibilanco enmane ĉiu kondukisto povas kompari sin kun la mezuma foruzo kaj prijuĝi sian kontribuon al la mediprotekto kaj ŝparo de resursoj.

La entrepreno sukcesis malaltigi la energibezonon je 10 milionojn da kilovathoroj - egala al tiu de 2.500 kvarpersonaj familioj - dum la pasinta duonjaro. Minus sep procentoj ĝis la jaro 2020 estas la celo de la DB Regio NRW atingebla probable nur kun aldonaj investoj en teknologion kiel la energirecikligon, la regajno de energio dum bremsado.

”Konservi rapidon ĝis bloksekcia signalilo 34351 – tiam ruli” (veturaj konsiloj por regiona eksprestrajno RE 2 de Düsseldorf al Münster, Foto DBAG)

Fontoj:
Westfälischer Anzeiger, Ruhrnachrichten, Westfälische Nachrichten

**Guido Brandenburg**